# Argentina Esperantisto

OFICIALA ORGANO

—o DE o—




APRILO - MAJO 1917

JARO 1ª

Nº 4 - 5

# Argentina Esperantisto


Monata organo de Argentina Esperanto-Asocio

| ABONPREZO: | Redakcio kaj Administracio: | ANONCOJ: Du linioj en la |
|---|---|---|
| En Argentino sesmonate $ 1.— | 782 - SAN JUAN - 782 | Fako korespondado, 1 res- |
| En Eksterlando 1 jaro 2 Sm. | Buenos Aires (Argentino) | pondkupono. |

*JARO 1.a* *Buenos Aires, Aprilo-Majo de 1917a* *N.o 4-5*


## *Numero deĉicata al la memoro de nia Majstro*

LUDOVIKO LAZARO ZAMENHOF

15 Decembro 1859—Aprilo 1917.



Granda li estis pro sia genio kaj granda pro sia karaktero. Por la realigo de bela revo li oferis sian junecon. sian havajon, ĉion kion li povis oferi.....

Kaj li mortis en malriĉeco, lasante al la Homaro trezoron kiu valoras pli ol la tuta oro de l' mondo: la lingvon de la frateco!..

## IN MEMORIAM

"Murió el Maestro" Él, que tanto batalló en pro de la fraternidad humana, baja a la tumba en los precisos momentos en que el mundo, convertido en un volcán de odios y ambiciones, se despedaza hundiendo en el lodo y la ignominia los XX siglos de civilización y progreso.

Seis lustros hace que publicó su obra bajo el nombre de Dro Esperanto"; la obra a la que dedicó su vida entera ansioso de que los hombres del Universo se comprendieran y derrumbaran de una vez la formidable "Babel" que ante ellos se levantaba. Su símbolo, fué una estrella verde de cinco puntas; el verde, la esperanza; las puntas, los cinco continentes. Bajo sus rayos, todas las razas del mundo hallarían su redención desaparecidas las barreras linguistícas que las dividían.

Su obra, toda paz y amor. fué despiadadamente detenida en su marcha ascendente por la hecatombe más sangrienta que la historia registra. Poco faltaba para que la sanción mundial la c nsagrara.

Era en Agosto de 1914 que debía celebrarse en París el mas grande certámen pacifista. 5000 congresales venidos de todos los ámbitos del mundo, debíamos reunirnos a orillas del Sena rodeando al venerado Maestro para celebrar el X Congreso Universal de Esperanto. Pero ¡oh cruel ironía!... Marte, el maléfico espíritu, temiendo quizás perder el cetro, desencadenaba el huracán más formidable que jamás se haya visto.

Así, el congreso de paz se trocó en congreso de guerra y no fueron yà los himnos fraternales los que atronaron el ambiente sinó el rugir de los cañones, el vibrar de los clarines, el centelleo de las espadas y bajo éstos, ríos inmensos de sangre regaron la tierra hasta empaparla.

El dios de la guerra pudo clavarle un dardo en pleno pecho y el apóstol ha sucumbido...!

¡Descansa en paz alma justa; los que quedamos continuaremos tu obra reconfortando nuestras almas en tu espíritu! Después, cuando la tempestad de odios se haya calmado y brille nuevamente el astro de la paz sobre la tierra, reconocerán su error los que te combatieron tratàndote de "utópico" y "visionario" en tu ideal pacifista y entonces "Marte" el infernal espíritu, será vencido.

*Hirondelle*

---

## Je la memoro de ŋia majstro

En la IX-a Internacia Esperantista Kongreso, okazinta en la monato aŭgusto de 1913 en Berna; ĉefurbo de Svisujo, ĉiuj parto-

prenantoj kun religiema respekto rigardadis la honoregindan personon de nia Majstro, doktoro Ludoviko Zamenhof.

Morale altega figuro li estís, kiun ni ĉiuj malgranduloj devas suprenrigardi, pensante, ke tiu Homo tutan sian vívon dediĉis al la plej intensega laboro, laborante senripoze por la bono de la homaro. La grandega kreado de la helplingvo internacia lin glorigis antaŭ la tuta mondo. Eĉ la samtempuloj, sed multe pli la venontaj generacioj komprenos la veran grandegan signifon de la Kreajo, konsiderante Lin. kiel unu el la plej noblaj, sindonemaj figuroj de la historio.

Kiam nia Majstro eniris la ĉambregon de la Berna Kongreso, akompanata de sia filino, kiel movita por mirakla risorto, ekstarigis la multnombra kongresanaro, kiel unu sola homo. Varmege oni aklamis, aplaúdis la Kreinton de la interfratiga Esperanto. Li, emociita, kun larmoj en la okuloj, ĉirkaurigardis, dankante la simpatian ovacion de lia gefilaro.

Konsekvence li malakceptis eĉ la ideon honorigi lin per statuo, donaco aŭ ia alia maniero Lia modesteco de grandega homo sankta ne konis limojn. Unika kontentiĝo de li estis: vidi la pligrandiĝon de la ĉiunacia esperantistaro, la glorian progreson de niaj ideoj, la prosperecon de la granda familio esperanta. Feliĉe tion li jaro post jaro povis ekpruvi okaze de la internaciaj kongresoj.

Hodiaŭ ĉiu samideano jam ekciis la teruran novajon pri la morto de nia karega Majstro. Kore ni ploradas la malaperon de la amata figuro... Sed iom post iom ni transfigurigas la Homon en la ideo... Kaj li travivos la materion, pli longiĝos lia vivo ĝis la fino de la mondo... Lia memoro travivos ĉiujn generaciojn. Pór tio ni laborados, ni batalados senĉese, senlace, entuziasme. Li vivos en niaj koroj, en niaj kreajoj kaj en la ĉiama esperantistaro. ĉiu verko kaj progreso signifos por ni la spriton de nia memorema Patro, doktoro Zamenhof.

Honorigu do ankaŭ ni Argentina esperantistaro, la memoron lian per nelacigebla propagando, fratema kunlaborado, sub la kuraĝiga verda standardo. Ke la sento kaj la akordoj de nia Himno donu al ni la necesajn fortojn. Ke la verda stelo de la Espero gvidu nin je la fina venko:

*Pergamino, aprilo de 1917.*

*Ludoviko Kelety*

## La espero

En la mondon venis nova sento,
Tra la mondo iras forta voko;
Per flugiloj de facila vento
Nun de loko flugu ĝi al loko.
Ne al glavo sangon soifanta
ĝi la homan tiras familion
Al la mond' eterne militanta
ĝi promesas sanktan harmonion.
Sub la sankta signo de l' espero
Kolektiĝas pacaj batalantoj,
Kaj rapide kreskas la afero
Per laboro de la esperantoj.
Forte staras muroj de miljaroj
Inter la popoloj dividitaj;
Sed dissaltos la obstinaj baroj
Per la sankta amo disbatitaj.
Sur neútrala lingva fundamento,
Komprenante unu la alian,
La popoloj faros en konsento
Unu grandan rondon familian
Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos,
ĝis la bela songo de l' homaro
Por eterna ben' efektiviĝos.

## Al la fratoj

Forte ni staru, fratoj amataj,
Por nia sankta afero!
Ni bataladu kune tenataj
Per unu bela espero!
Regas ankoraú nokto sen luno,
La mondo dormas obstine,
Sed jam leviĝos baldaú la suno,
Por lumi, brili senfine.
Veku, ho veku, veku konstante,
Ne timu ridon, insulton!
Voku, ho voku, ripetadante,
ĝis vi atingos aúskulton!
Dekon da fojoj vane perdiĝos
La vok via ridata,—
La dekunua alradikiĝos,
Kaj kreskos frukto benata.
Tre malproksime ĉiuj ni staras
La unuj de la aliaj...
Kie vi estas, kion vi faras,
Ho, karaj fratoj vi miaj?
Vi en la urbo, vi en urbeto,
En la malgranda vilaĝo,
ĉu ne forflugis kiel bloveto
La tuta via kuraĝo?
ĉu vi sukcese en via loko
Kondukas nian aferon,
Aú eksilentis jam via voko,
Vi lacaj perdis esperon?
Iras senhalte via laboro
Honeste kaj esperante?
Brulas la flamo en via koro
Neniam malfortiĝante?
Forte ni staru, brave laboru,
Kuraĝe, ho nia rondo!
Nia afero kresku kaj floru
per ni en tuta la mondo!
Ni ĝin kondukos ne ripozante,
Kaj nin lacigos nenio;
Ni ĝin traportos, sankte jurante,
Tra l' tuta mondo de Dio!
Malfacileco, malrapideco
Al ni la vojon ne baros.
Sen malhonora malkuraĝeco
Ni kion povos, ni faros.
Staras ankoraú en la komenco
La celo en malproksimo, —
Ni ĝin atingos per la potenco
De nia forta animo!
Ni ĝin atingos per la potenco
De nia sankta fervoro,
Ni ĝin atingos per pacienco
Kaj per sentima laboro.
Glora la celo, sankta l'afero
La venko—baldaú ĝi venos;
Levos la kapon ni kun fiero,
La mondo ĝoje nin benos.
Tiam atendas nin rekompenco
La plej majesta kaj riĉa:
Nia laboro kaj pacienco
La mondon faros feliĉa!

## Mia penso

Sur la kampo, for de l' mondo,
Antaŭ nokto de somero,
Amikino en la rondo
Kantas kanton pri l' espero.
Kaj pri vivo detruita
Ŝi rakontas kompatante,—
Mia vundo refrapita
Min doloras resangante.
Ĉu vi dormas? Ho. sinjoro,
Kial tia senmoveco?
Ha, kredeble rememoro
El la kara infaneco?"
Kion diri? Ne ploranta
Povis esti parolado
Kun fraŭlino ripozanta
Post somera promenado!

Mia penso kaj turmento,
Kaj doloroj kaj esperoj!
Kiom de mi en silento
Al vi iris jam oferoj!
Kion havis mi plej karan—
La junecon—mi ploranta
Metis mem sur la altaron
De la devo ordonanta!
Fajron sentas mi interne,
Vivi ankaŭ mi deziras,—
Io pelas min eterne,
Se mi al gajuloj iras...
Se ne plaĉas al la sorto
Mia peno kaj laboro—
Venu tuj al mi la morto,
En espero—sen doloroj

---

## Ho mia kor'

Ho,mia kor', ne batu maltrankvile,
El mia brusto nun ne saltu for!
Jam teni min ne povas mi facile,
Ho, mia kor'!

Ho, mia kor'! Post longa laborado
Ĉu mi ne venkos en decida hor'!
Sufiĉe! trankviliĝu de'batado,
Ho, mia kor'!

*L. L. Zamenhof*

---

## Nova Malgaja Noto

Per la Bulteno "France Esperanto" ni sciis lastamomente ke Dro Aleksandro Zamenhof frato de nia karega Majstro mortis la 31an de Majo de 1916 en la rusa aktiva armeo.

En 1904 li partoprenis la sieĝon de Port Arthur kaj estis militkaptito de la Japanoj. Li estis tre konata kuracisto kaj tre fervora esperantisto. Li forveturis al Brazilio kie li fondis agrikulturan kolonion en la Stato Espíritu Santo. Kiam ekspluadis la militon li iris franclandon kaj poste reiris Rusujon kie li servis dum du paroj en la aktiva armeo.

Al lia familio ni sendas niajn sincerajn kondoloncojn.

## Nur la rememoro!

Nur la rememoro! jes nur la rememoro restas nur de nia granda majstro Dro Ludoviko Lazaro Zamenhof, post la 15a aprilo, kiam la terura morto, traučis sian ekistadon. Sed devas esti lia rememoro, la rememoro de la nelacigebla kaj glora pensisto kiu devas gvidi kaj kuraĝigi nin por ne ni malfostiĝú en nia afero.

Li mortis, vere, sed lia elpenso vivos! La disvastigo de lia granda idealo estas hodiaú tute sur ni; ni ne povas jam lasi ke li faru: kaj se vere nia brusto kaj nia koro estas ĉagrenplenaj, ni ne perdu niajn fortojn, ni laboru, nun pli ol neniam por lia nobla idealo, ni divastigu lian belan elpenson, kaj tiel, plenumante sian plej koran deziron: la interkomprenon de la tuta homaro per la internacia helpa lingvo Esperanto, ni plej glorigos lian indan memoron.

*Pergamino 26an Aprilo 1917a*

*Johano Bonjoch*

---

¡Nia Majstro, kiu estis nia lumo mortis!

La apostolo de la tutmonda amo malaperis vidante sian gloran ideon nur komencata.

Kiel oferdono al li, ni daúrigu sian skizitan vojon.

*Baradero 20an aprilo 1917a*

*Dionisio Ruiz*

## Rememorante la Majstron

Organizita de "Argentina Esperanto Asocio" okazis sabaton 5au de Majo ĉe la sidejo de Casal Catala, la publikan rememeron de nia karega Majstro Dro Zamenhof Ce la scenejo estis lia portreto ĉirkaúita de nigraj rubandoj kaj la esperanta flago.

Je la 9 30 h. nokte. Sro L. Kelety, prezidanto de A. E. A. malfermis la kunsidon kaj tuj Fino F. Mateu per la pianoforte ludis la oficialan himnon. "La Espero" kiu estis religie aúskultata stare

de la ĉestantoj kiuj plenigis la salonon. Oni aplaudis longe ĝin.

Sroj. A. Barrot kaj V. Albamonte parolis pri la esperanta ideo. Sro. B. Cunillé dsklamis la poezion. "Al la fratoj" kiu meritis longan aplaudon de la ĉestantaro.

Sed la ĉefa numero estis la konferenco de nia fervora samideano Sro. Jako Vilaseca pri la temo. «Zamenhof y su obra—El Esperanto». Longegan aplaúdon premiis lian paroladon. Sekve li legis kelkajn opiniojn de famaj pensistoj k. t. p. favoraj por Esperanto, kuij estis atente aúskultataj.

Sro. Albamonte legis «La Vojo» kaj Sro. L. Kelety per kelkaj vortoj dankis la ĉeestantoj invitante ilin propagandi Esperanton kaj daúrígi la skizitan vojon de nia Majstro kiu kondukos nin ĝis atingi la celan ke ni persekutas.

Liberiga Stelo:

La 26 an, Aprilo akazis konferencon organizita de tiu ĉi grupo, honorante la memoron de Dro Zamenhof.

Dank' al la granda propagando farita, tute pleniĝis la salono de la "Liga de Educación Racionalista", strato Belgrano 2552.

Paroladis la samideanoj Sroj M. Dalmau, A. Barrot, E. Iglesias kaj R. Estil-les kiuj meritis la aprobon de la multnombraj ĉeestantoj,

Vidante la plenan sukceson atingita kuraĝigis ankoraú pli, niaj samideanoj de tiu grupo kiuj senĉese daúrigas la divastigon de nia kara lingvo Esperanto.

## La Argentina Gazetaro al Dro. Zamenhof

### PARAGRAFOJ DE KELKAJ ARTIKOLOJ

«La Prensa»—Publikigis, krom la portreton de la Majstro kaj biografiajn notojn, historieton de Esperanto kaj klarigojn pri gramatiko kaj reguloj de vortfarado, al donante: "Esperanto estas konsiderita kiel majstra kreitaĵo, kaj la granda disvastiĝo kiun ĝi atingis, kiu sendube pligrandiĝos, esperigas ke iam oni ĝin parolos kutime inter la klasoj posedante iom da intelekta kulturo, en nacioj el Europo kaj Ameriko».

«La Nación»—En aúgusto de 1912a, granda universala kongreso festis, en Krakovo, la 25an datrevenon de la fondo de Esperanto. Kaj kunhelpis je la originala signifo de la festo, kie estis delegitoj de 32 nacioj, la ĉeesto de Dro L. L. Zamonhof, kreinto de la

lingvo kiun la esperantistoj revas parolata de ĉiuj homoj el la tero. Vere, Dro Zamenhof, mortinta hieraŭ en Varsovio, rajtis fieriĝi je la proporcioj atingitaj de la lingvo al kies genia kreado li estis dediĉita la tutajn energiojn de sia juneco, se li konsideris ke volapúik kaj aliaj lingvoj provitaj por sama celo, estis pasintaj un mallonga populareco inter la homoj, la plimulto el ili ne lasante postsignon, krom bibliografían rememoron. En tiu okazo, Dro Zamenhof faris paroladon, kiu enhavas la jenajn vortojn, kiuj, krom sintezigi la realajn rezultojn de sia kreitajo, komprenigas la tutan teorion sur kiu sin bazas la celo de la esperantismo.

Lingvo, kiu eltenis la provon dum dudek kvin jaroj, kiu en plej bona kaj ĉiam pli floranta stato travivis jam tutan homan generacion kaj estas jam pli maljuna, ol multaj el ĝiaj uzantoj. kiu kreis jam grandan, potence kreskantan literaturon, kiu havas sian historion kaj siajn tradiciojn, sian tute precizan spiriton kaj siajn tute idealojn,—tia lingvo ne bezonas jam timi, ke io pereige depušos ĝin de tiu natura kaj rekta vojo, laŭ kiu ĝi evoluas.

"Dro Zamenhof, antau Komenci siam taskon, lernis profunde la ĉefajn lingvojn kanatajn. Tiamaniere, li sukcesis formi Esperanton sur bazo de mireginda simpleco, kaj doni al ĝi ecojn vere interesajn kiel harmoniigo kaj kombino de radikoj kaj elementoj de malsamamaj lingvoj".

"La Razón"—"En 1905, la urbo "Boulogne-sur mer" historia por ni presentis al la mondo strangan spektaklom de Babela turo, kie interektušegis ĉiuj lingoj de la mondo. Oni aúdis tie amerikajn akcentojn, nazajn kaj akulajn, sonorajn flamandalajn vortojn dolĉajn prononcojn anglajn, hispanajn vortojn kun arĝentaj eĥoj..., Estis koncerto unika, en kiu miksiĝadis ĉiuj la homaj voĉoj. Neniu interkompreniĝis en la malnovaj stratoj de Boulogne sur-mer. Sed, post tagmezo, okazis en la malnova urbo io eksterordinara: la ĉiulandaj pilgrimantoj kuniĝis en granda salono kaj komencis paroli ĉiuj unu saman lingvou. Knrazaú la malsimilaj lingvoj estus fandiĝintaj en unu sola. ĉiuj paroladís kaj sin reciproke kamprenadis. Tio estis la unua Kougreso esperantista...."

La Protesta—Zamenhof, gvidata de profunda amo al la homa emancipo, oferis la plej bonajn jarojn de sia vivo por la disvastiĝo de Esperanto. Li opiniis ke lingvo universala povas realigi nedetrueblan fratan ligilon inter la popoloj, kaj ne ripozis momenton en la sia laboro, originala kaj inda je la respekto de la homoj kaj je la helpo de la voloj kiu celas la emancipon de la Homaro.